




45°

I.F.K.

CERVIA










# itala fervojisto



ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI Sede: DOPOLAVORO FERROVIARIO BOLOGNA Via De' Poeti, 5/2 - 40124 BOLOGNA - Italia




**Informa Bulteno** SUPLEMENTO AL LA N°1 1993

# - I.F.E.A. -

## BONVENIGAS ĈIUJN PARTOPRENANTOJN

## AL LA 45° IFEF KONGRESO EN ĈERVIA




*La eksperimenta elektra trajno FS ETR-500 por altrapida trafiko; tiu ĉi trajno, konsistanta el 1 elektra lokomotivo, 1 pasaĝervagono ekipita per mezuraparatoj, atingis la italan rapidecrekordon de 318 km/h dum majo 1989.*

## MANTUKO SAVAS SITUACION

Estis bela kaj varma somero, kiam granda karavano Esperantista el Skandinavio alvenis al Bardolino, mezepoka urbeto de fiŝkaptistoj ĉe Lago de Garda, kiu fariĝis dum la lastaj jaroj turista loko. Mi havis la honoron gvidi kaj helpi la karavanon.

En tiu regiono abundas vinberoj kaj olivoj, ambaŭ mondkonatoj. La kampoj troviĝas sur la deklivoj. Inter ili kaj la lago situas Bardolino kun sia belega promenejo kaj banstrando.

Ĝuste tie la anoj de la karavano pasigis plej multe da tempo dum la posttagmezoj. En la varma akvo oni sin banis, oni naĝis, oni ludis. Kaj inter tio oni kompreneble multe ripozis kaj multe babilis.

Avide la anoj el Nordaj Landoj ĝuis la sunon kuŝante en la sablo kaj sur ŝtonetoj tuj apud la akvo.

La belaj blondaj Esperantistinoj donis al mi, italo, plezuran kunrestadon ĉe la strando kaj mi vere ĝuis bonajn tagojn.

Iun tagon venis policano al nia banloko kaj rimarkis, ke unu el la ĉarmaj skandinavinojn, Rigmor Therkildsen el Hillerod, portas "Bikini" bankostumon. Ĝi estas tre oportuna por tiuj, kiuj deziras akcepti kiel eble plej multe da suno, ĉar ĝi kovras nur minimumon de la virina korpo.

La policano kriis al ŝi kaj per dialektaj vortoj instigis la belan knabinon vesti sin dece; estas absolute malpermesite uzi tian skandalan bankostumon. Per fingroj li montris la nudan parton inter torako kaj ventro.

La fraŭlino tute surpriziĝis kaj per senmovaj okuloj gape rigardis la policanon kaj precipe la fingrojn, kiuj montris al la direkto de ŝia umbiliko, ne komprenante eĉ unu vorton.

La policano plenvestita - kiel kutime per pezaj vestoj, ankaŭ se la temperaturo proksimiĝas al 40 gradoj C en ombraj lokoj - aspektis stranga inter la banvestitaj homoj. Multaj personoj altiriĝis al la sensacia loko, ĉu pro scivolemo, ĉu pro helpemo. Ankaŭ mi estis inter ili. Tuj mi komprenis la situacion kaj rapide tradukis al ŝi la vortojn de la policano.

Estis por ŝi kaj por ĉiuj skandinavinoj vere granda surprizo, kiam oni eksciis la postulon. Ŝi tuj fariĝis trankvila kaj respondis: "Ĉe ni oni ne konsideras maldecan tiun parton de la korpo! Kion mi faru? Mi havas nur dupecajn bankostumojn". Rapide mi ĵetis al ŝi mantukon. Tuj ŝi komprenis kaj kovris sian nudan umbilikon per ĝi.

La policano nun estis kontenta kaj foriris. Ĉiuj ĉeestantoj amuze ridis.

Reveninte al Danlando f-ino Therkildsen faris prelegon en sia klubo Esperanta per sia vojaĝo kaj rakontis ankaŭ pri la konsterniĝo pro sia Bikini-kostumo. Inter la ĉeestantoj estis samideana ĵurnalisto, al kiu tre plaĉis tiu rakonto. Li skribis apartan artikoleton pri ĝi. La titolo de la artikoleto estis "Mantuko savas situacion". Ĝi klarigis la aferon kaj laŭdis la intervenon de subskribinto. En la fino ĝi protestis pri la mezepokaj reguloj en Italujo.

Mi ricevis kopion de tiu dana ĵurnalo kun Esperanta traduko. Oni petis, ke mi traduku ĝin al la itala lingvo kaj transdonu ĝin al la urbestro de Bardolino. Tion mi faris.

La urbestro, juna advokato, post mia klarigo bedaŭris la aferon kaj aldonis, ke li ne estus doninta la faman mantukon por kovri la daninon. Sed praktika rezulto de la artikolo estis, ke post tiam oni en Bardolino ne plu malpermesas Bikini-bankostumojn.

La postan jaron, kiam la sama karavanestro revenis kun alia grupo de Esperantistoj al Bardolino, la urbestro invitis ĉiujn en la urbodomon kaj regalis ilin per ĉampano. Ĉiuj partoprenantoj sendis varmajn pensojn al f-ino Therkildsen, la viktimo de la strikaj reguloj.

Alia sekvo de la artikolo kaj la ĉiujara amasa invado de verdsteluloj al la bordo de Lago de Garda estis, ke Bardolino reklamis en la jarlibro de UEA allogante multe pli da turistoj.

Gino Corso
(el "Sub la verda standardo")





## ITALAJ FERVOJAJ AKTUALAĴOJ

### OPERACIO PURECO

Trajnoj pli akurataj, pli komfortaj, kaj pli puraj. Tiuj estas iuj inter la precipaj taskoj kiujn italaj fervojoj prenis sur si komence de la jaro 1992, la jaro de la "totala kvalito". Dum la unua fazo de la grimpado al la kvalito oni dediĉis al la akurateco; poste, oni aldonis la dua fazo, kiu inter siaj taskoj havas superregan temon pri la rekvalifiko de la servo: la pureco. La "operacio pureco" estas interna problemo de la fervoja sistemo, sed ĝi havas senseblaj "revenojn" kiel plaĉo kaj imago de la servo. Do, komence de la somera horaro 1992, oni akcelis iniciatojn kaj novajn preskribojn favore al pli puraj trajnoj kaj stacidomoj.

La unuaj rezultoj jam nun estas konstateblaj.

### ITALA FIRMO KONSTRUAS NOVAN LINION EN VENEZUELO

Itala-japana-venezuelana konsorcio, sub la gvidado de la itala firmo Cogefar-Impresit (apartenanta al la grupo FIAT) estis elektita por konstrui dutrakan fervojon inter Caracas kaj la Tuy-regiono (40 km); la linio estas la unua sekcio el 500 km-a reto, kiu devus kunligi la ĉefajn ekonomiajn regionojn en Venezuelo. La konstrulaboroj daŭros dum tri jaroj; la valoro de la mendo, kiu inkludas ankaŭ la provizo de veturebla materialo, estas je 800 milionoj da dolaroj (la entuta kosto de la reto estos 7500 milionoj da dolaroj).



## FERVOJAJ NOVAĴOJ EL LA TUTA MONDO

### ĈU NOVA FRANC-GERMANA FULMOTRAJNO?

Francio kaj Germanio povus kune konstrui novan altrapidectrajnon. Nun oni pririgardas la konkretajn eblecojn de kunligo inter la naciaj retoj, aparte la plilongigo de la venonta TGV Est ĝis Frankfurto kaj Muncheno. Plue, la firmoj GEC-Alsthom kaj Siemens, kiuj konstruas respektive la TGV-on kaj la ICE-on, pristudas la eblecon realigi franc-germanan altrapidectrajnon. Oni devas solvi multajn teknikajn problemojn: interalie, la elektroprovizado kai la signalado.

### NOVA LINIO INTER BERLINO KAJ VARSOVIO

Germana firmo Siemens subskribis kun la respondeculoj de la polaj fervojoj cel-leteron pri la "rekonstruo" de la linio Berlino-Varsovio, pli ol 500 km longa kaj taksata kiel tre grava akso pri la kunligo inter okcidento kaj oriento. La modernigada plano antaŭvidas elspezoin je 2.3 miliardoj da markoj, kaj koncernas inkluzive la substrukturon, la vetureblan materialon kaj la sistemojn pri komunikado.

### LOKOMOTIVOJ AL HINDIO

Svis-sveda grupo ABB liveros al la hindaj fervojoj 33 lokomotivoj, 22 el kiuj pri vartrajnoj. La mendo havas valoron je 220 milionoj da dolaroj.

### PLANITA NOVA GRANDRAPIDEC-RETO EN FRANCIO

En aprilo 1992 estis aprobita en Francio la "direktanta skemon" pri la venonta franca grandrapidec-reto. La plano antaŭvidas realigadi, ĝis la jaroj 2015-2025, pli ol 4000 km el novaj linioj. La elspezoj estas taksataj je 210 miliardoj da frankoj.

### POTSDAM KAJ BERLINO DENOVE KUNLIGITAJ

Germana historia urbo Potsdam estas denove kunkligata tra fervojo al Berlino. Interrompita dum pli ol 30 jaroj pro la muro inter la du Germanioj, la pli ol centjara (1891) 30 km longa malpeza fervojo nun denove trafikas inter la du urboj ekde la 1-an de aprilo 1992.

JAPANIO: PROJEKTOJ PRI PLIGRANDRAPIDAJ TRAJNOJ

En Japanio vojaĝi grandrapide estas realeco dum preskaŭ tridek jaroj, kaj Shinkansen trajnoj intertempe transportis pli ol tri miliardoj da pasaĝeroj. Nun japanaj fervojoj planas novan Shinhansen-an generacion, kapabla veturi je 350 km/h kaj nomata "Atlas". Nun oni studas la pli delikatajn detalojn: ĉaretoj, pantografoj, informatiko kaj aerpremad-problemoj. Esploroj kaj provoj daŭros 4-5 jarojn. Intertempe, nova Shinkansen-trajno kun poetika nomo "Nozomi" (Espero) trafikas inter Tokyo kaj Osaka. Pli rapida ol la antaŭaj (270 km/h), ĝi traveturas la 550 km longan linion en du horoj kaj duono, gajnante 40 minutoj.



*La ĉefa stacidomo de Milano (Milano Centrale) vidata el "ĉielskrapanto Pirelli".*

REDAKTORA INFORMO

La redakcio dankas al ĉiuj kiuj sendis kaj sendos materialojn; ni volonte akceptas kontribuaĵojn, aŭ literaturaj, aŭ teknikaj, aŭ... amuzaj!

Bonvolu sendi viajn tekstojn al la redaktoroj:

Claudio Pavesi 239 vl. G. Cesare - I 28100 Novara

Agostino Mantovani - 10 v. Viganotti - I 13100 Vercelli

Ni preferas maŝinskribitajn materialojn. Se vi uzas komputilon, ni akceptas 3.5" disketojn en la sistemo IBM; la tekstojn povas esti en ASCII-kodo aŭ en .CHI-kodo.

# RADIO-PROGRAMOJ EN ESPERANTO

Vi trovas ĉi-sube ĉiujn aktualajn indikojn laŭ la mezeŭropa tempo. Por eltrovi la ĝustan tempon en via regiono, konsultu la mapon de tempozonoj en „LA JARO". Por havi nun la grenviĉan tempon, subtrahu unu horon. Se ne estas aliaj indikoj, la frekvencoj estas en kilohercoj kaj la ondolongoj en metroj. Plejparte temas pri kurtondaj frekvencoj.
ĝisdatigita 9001/vintre

| stacio | tago | horo | kilohercoj | metroj |
|---|---|---|---|---|
| Varsovio (Radio Polonia)<br>Esperanto Redakcio<br>Poŝtkesto 46<br>PL-00950 WARSZAWA 1 | ĉiutage | 6.00- 6.30<br>12.00-12.25<br>16.30-16.55<br>18.30-18.55<br>21.30-21.55<br>22.30-22.55 | 9675, 7270, 5995, 1503<br>11840, 9525, 5995, 1503<br>11815, 6095<br>9540, 7285, 6135<br>9525, 7145, 7125<br>7285, 7270, 7125, 6135<br>6095, 5995, 1503 | 31,01; 41,27; 50,04; 200,00<br>25,34; 31,50; 50,04; 200,00<br>25,39; 49,22<br>31,45; 41,18; 48,90<br>31,50; 41,99; 42,11<br>41,18; 41,27; 42,11; 48,90<br>49,22; 50,04; 200,00 |
| Bern (Svisa Radio Internacia)<br>Esperantofako<br>CH-3000 BERN 15 | lunde<br>ĵaŭde<br>sabate | por Eŭropo<br>14.30-14.40 | 9535, 6165, 3985<br>La elsendoj por ekster-eŭropaj regionoj okazas merkrede kaj sabate per direktitaj antenoj oktoje. Petu specialan faldfolion! | 31,46; 48,66; 75,28 |
| Vieno (Aŭstra Radio)<br>ORF Esperantoredakcio<br>A-1136 WIEN | dimanĉe<br><br>dimanĉe | 5.05- 5.30<br><br>14.05-14.30 | 6155 Eŭropo<br>15410 Proksima Oriento<br>13730, 6155 Eŭropo<br>15430 Malproksima Oriento<br>21490 Okc. k S.Okc. Afriko, S.Okc. Eŭropo | 48,74<br>19,47<br>21,85; 48,74<br>19,44<br>13,96 |
| Vatikano (Radio Vatikana)<br>Esperantoredakcio<br>I-00120<br>CITTÀ DEL VATICANO | dimanĉe<br>kaj<br>festotage<br><br>ĵaŭde | 21.00-21.10<br><br><br>7.00- 7.15 | 1a Eŭropa Programo<br>1530, 6190, 6248, 7250, 9645<br>Afrika Programo<br>1530, 9625, 11700, 15120<br>2a Eŭropa Programo<br>1611, 6248, 7250, 9755, 11715 | <br>196; 48,47; 48,00; 41,38; 31,10;<br><br>196; 31,17; 25,64; 19,84<br><br>186; 48,00; 41,38; 30,15; 25,61 |
| Romo (Radio Roma RAI)<br>Esperantoredakcio<br>C.P. 320, I-00100 ROMA | sabate | 21.00-21.20 | 7275<br>11800, 9710 | 41,24<br>25,42; 30,90 |
| Zagrebo (Radio Zagreb)<br>Eo-redakcio Juriŝiĉeva 4,<br>YU-41000 ZAGREB | dimanĉe | 23.45-24.00 | 1125, 1134, 1143 | 266,4; 264,70; 262,00; |
| Pekino (Radio Pekino)<br>Esperantofako<br>BEIJING | ĉiutage | 21.00-21.30<br>por Eŭropo<br>23.30-00.00<br>por Latin-Ameriko<br>12.00-12.30<br>por Japanio kaj Koreio<br>14.00-14.30<br>por Sud-orienta Azio | 9500, 9965, 7470<br><br>9480, 11515<br><br>9480, 6955<br><br>11650, 15165 | 31,58; 30,10; 40,16<br><br>31,65; 26,05<br><br>31,64; 45,10<br><br>25,70; 19,78 |
| Rio de Janeiro (Brazila Spiritisma Federacio)<br>av. Passos 30<br>BR-20000 RIO DE JANEIRO ZC 58 Brazilo | dimanĉe | 23.30-23.45 | 1400 | 214 |
| Sorocaba (Rádio Clube de Sorocaba)<br>Eo-Redakcio, rua de Penha 455<br>BR-18100 SOROCABA SP, Brazilo | dimanĉe | 1.00- 2.00 | 1080 | 278 |
| Radio Esperanto Parizo<br>145, rue Amelot<br>F-75011 PARIS, Francio | vendrede | 19.00-20.00 | 89,5 MHz | en MF(UKW) |
| Radio Budapest<br>KNAF Eszperantó<br>H-1800 Budapest | dimanĉe | 10.50-11.00 | 69,38 MHz<br>aliregionaj frekvencoj laŭ FM-reto de MRT3 | en MF(UKW) |
| Tallin (Estona Radio) Esperanto-fako<br>SU-200100 Tallin<br>Estonio, Sovetio | ĵaŭde<br>dimanĉe | 22.20-22.30<br>10.20-10.30 | 1035; 5925<br>1035, 5925 | 290; 50,63<br>290; 50,63 |
| Córdoba, Hispanio | sabate | 12.00-12.20 | 94,3 MHz | en MF (UKW) |
| Radio Havano<br>Kubo<br>Esperanto-Fako<br>Poŝtkesto 7026 | dimanĉe | 9.00- 9.20<br>18.00-18.30<br><br>19.30-20.00<br>23.00-23.20<br>23.30-00.00 | 11835 okc. Nord-Ameriko, pacifika Azio<br>15340, 15300, 15285, Ameriko<br>11820, 11760, 11725<br>17800, 15285, 11800 Eŭropo kaj<br>17800, 15285 Mediteraneo<br>11970, 11950, 11910, 5985 Ameriko | 25,35<br>19,56; 19,61; 19,63;<br>25,38; 25,51; 25,59;<br>16,85; 19,63; 25,42<br>16,85; 19,63<br>25,06; 25,10; 25,19; 50,13; |
| Radio Vilnjuso<br>Radio Vilnius Esperanto<br>SU-232674 Vilnius, Litova SSR | marde<br><br>ĵaŭde | 00.23-00.28<br><br>23.53-23.58 | 11770, 12060, 15180, 17665,<br>17690<br>6100, 666 | 25,49; 24,88; 19,76; 16,98;<br>16,96<br>49,18; 450,45 |
| Radio FMR<br>Eo-redakcio, 9 bis av. Fredéric Estèbe<br>F-31200 TOULOUSE, Francio | merkrede<br>sabate | 13.00-13.30<br>10.30-11.00 | 89 MHz<br>89 MHz | en MF (UKW)<br>en MF (UKW) |